HAMBURG Esperanto



5/1994

Oktobro/Novembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Foto: Lanka

# Sukcesa ekspozicio

**Hamburg (ehh). Inter la 26a de Aŭgusto kaj la 4a de Septembro 1994 en Hamburg okazis la ĉiujara ekspozicio Du und Deine Welt (Vi kaj via mondo).**

Dekmiloj da vizitantoj denove povis konstati, ke Esperanto vivas. Preskaŭ kvincent homoj estis pretaj, plenigi enketilon laŭ sia opinio pri Esperanto kaj kial ili ne lernis ĝin ĝis nun. Multaj el ili gajnis per lotumado senkostan partoprenon en provleciono (t.n. Schnupperkurs) aŭ eĉ Germanlingvan libron pri Esperanto. Ĉefaj organizantoj de la stando estis — kiel ankaŭ dum la pasintaj jaroj — la Ĝenerala Sekretario de la Landa Ligo de GEA, *d-ro Bodo Schneider* kaj lia vivkunulino *Irmgard Karst*. **Daŭrigo p. 3**

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 6/1994:**
**12 - 11 - 94**

## Sentenco

Dirante "Mi ne povas" oni limigas sin mem. Ekzemple:

**La burdo** (Hummel)

La burdo pezas 1,2 gramojn kaj havas flugilojn kun areo de 0,7 $cm^2$. Laŭ la konataj leĝoj de aerodinamiko ne eblas flugi havante tiun rilaton.

**Sed la burdo ne scias tion kaj simple flugas!**

N.N.

## Karaj legantoj,

dum la pasintaj semajnoj niaj membroj estis ŝokitaj per cirkulero de la estraro, en kiu estis sciigita la malagrabla novaĵo, ke mankas al Hamburga Esperanto-Societo la enspezoj de forluita oficejo en nia domo. Estas fakto, ke la organizo "Europaverständigung" (= Eŭropa interkompreniĝo) ne plu ricevas ŝtatan subvencion. Tial ni perdis regulan enspezon por la kluba kaso. Sed plej grave estas, ke tiuj regulaj enspezoj garantiis al ni, povi pagi la konstantajn kostojn de nia domo (t.e. kurento, akvo, kanalizacio, hejtado, asekuroj, strat-purigado, ruboforigo, kamen-purigisto, purigistino). Fakte la monataj kostoj por la domo estas multe pli altaj ol tiuj *DM* 500,— kiujn ni ricevis kiel lupago por la oficejo. Vere la monataj kostoj estas *DM* 1.200,— aŭ eĉ pli.

Jam plurfoje oni demandis min, kiel povis esti eble, ke antaŭ kelkaj jaroj la klubejo ekzistis sen enspezo de lupago. Unu kaŭzo estas, ke la kostoj antaŭ dek jaroj estis malpli ol la duono; due dum kelkaj jaroj la domo estis uzata de Germana Esperanto-Junularo, kiu ankaŭ pagis luprezon — kaj trie, la plej grava manko en la kaso, la konsumado dum la klubvesperoj ne plu estas tiom granda. Fakte la Hamburgaj klubanoj iam estis famaj pro drinkado. Hodiaŭ alkoholo ĉe multaj homoj estas neŝatata; modernaj homoj vivas "san-konscie". Ankaŭ la tradicia Zamenhoffesto, kiu antaŭ dek jaroj alportis la sumon de 1500,– markojn, pasintjare alportis nur 500,–, kvankam la festsalono ĉiam estas plena.

Ni ne volas instigi niajn membrojn al drinkado, do ni devas serĉi aliajn fontojn por povi pagi la konstantajn kostojn. Plej rapida kaj daŭra solvo estas forluado de la supra oficejo.

*Benno Klehr*

Daŭrigo de p. 1

La stando en tiu **plej granda Hamburga ekspozicio** por ĝenerala publiko kompreneble ankaŭ estis prizorgata de multaj aliaj Hamburgaj Esperantistoj. Ne eblas nomi ĉiujn ĉi-tie, sed oni kredu, ke estis multaj, kiuj dum **pli ol 80 horoj** informis la vizitantojn pri nia afero — kaj varbis kurs-partoprenantojn. Ankaŭ kursanoj el diversaj pasintaj kursoj, *Günter Baer, Stephan Grochowina, Birgit Koch, Dagmar* kaj *Bernd Liebermann*, *d-roj Gisela* kaj *Georg Macioszek, Angela* kaj *Jörg Rönnau, René Soiré* kaj *Brigitte Willand* entuziasme helpis, prezenti nian aferon al la publiko.

Kompreneble tia ekspozicio kostas sufiĉe multe. La Landa Ligo ne havas tiom da mono — kaj ankaŭ *HES* ne havas sufiĉe. Tamen ni decidis partopreni tie, ĉar ne ekzistas alia tiom efika merkato por nia laboro.

Por la membro–asocioj de la Landa Ligo, ***GIS*** kaj ***HES***, tiu elspezo de pli ol mil markoj ŝajnas necesa por atingi kiel eble plej grandan publikon. Feliĉe ni ankaŭ ricevas subvencion de ***GEA***, kiu kovras la reston de la




sumo, kiun ni solaj ne povus pagi. Do eble kelkaj el niaj membroj, kiuj ankoraŭ ne (aŭ ne plu) estas membroj de *GEA*, pripensu, ĉu vere GEA estas tiom *malgrava*, ke oni prefere nur pagu kotizon al la loka grupo.

Jes ja, estas pli facile pensi kaj labori sur loka kampo — sed ĉu ni estas internacia movado aŭ ne? Do ni ankaŭ devas subteni la nacian kaj la internacian movadon.

*Benno Klehr*

## Sukcesa "Schnupperkurs"

**Hamburg (ehh). Unu semajnon post la fino de la ekspozicio *Du und Deine Welt* okazis dum Sabata posttagmezo Esperanto–provleciono (Schnupperkurs) en la Hamburga Esperanto–Domo. La lecionon gvidis *Jürgen Wulff*.**

Kvankam unu horon antaŭ la komenco de la leciono pluvo verŝiĝis en forta vento al la urbo, **33 interesitoj** venis al la Esperanto–Domo, por informi sin kaj lerni pri Esperanto. La kursejo estis tiom plena, ke ne ĉiu partoprenanto trovis ĉetablan sidlokon. Normalan kurson oni dividus al du grupoj, sed por tia provleciono la situacio estis akceptebla. *Jürgen Wulff* en sprita formo prezentis al la gastoj, kiajn avantaĝojn havas Esperanto, kaj klarigis per ekzemploj el la Germana, kiom komplikaj estas naciaj lingvoj.

Unu el tiuj ekzemploj estis jena interparolo inter patrino kaj infano:

"Mutti, ist das eine ***Wiege***?" — "Das ist eine ***Waage***." — "Darf ich mich ***wagen***?" — "Du darfst dich ***wiegen***." — "Jetzt hab ich mich aber fein ***gewiegt***!"

Kompreneble la ĉeestantoj ankaŭ lernis vortojn kaj simplajn frazojn en Esperanto, kaj tuj devis paroli kaj interkonatiĝi: "Mi estas Johano. Kiu estas vi?" ktp. Same pri la nombroj la lernantoj spertis, kiom rapide eblas lerni la sistemon, por kompreni la historieton pri la dudek boatoj, el kiu n-ro 91 ne revenas. "Boato 16, ĉu vi havas problemojn?" Vere tia provleciono taŭgas, kuraĝigi homojn aliĝi al kurso.

*BK*

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | | | | | 14 | | | 15 | 16 | | |
| 17 | | | | | | 18 | | | | 19 | |
| 20 | | | 21 | 22 | 23 | | 24 | | 25 | | |
| 26 | | | | | | | 27 | | 28 | | 29 |
| 30 | | | | | | 31 | | 32 | | 33 | |
| 34 | | | | 35 | | | 36 | | | | |
| 37 | 38 | | 39 | | 40 | | | 41 | | | |
| 42 | | | | | 43 | 44 | | | | 45 | |
| 46 | | | | 47 | | 48 | | | | | 49 |

**Horizontale:** **1** Aro de buntaj sonoj. **11** Mallonga lando kun Svisa franko. **13** Civitano el Binzart aŭ Baltim. **14** Muzika trankvil'. **16** Lazur' iom pli ĝenerale. **17** Ŝillera aktivul' unuope. **18** Kunvenej' kun taŭro kaj urso. **19** Mallonga kunfondinto en Hamburg 1985. **20** Scienc' pri ĝi estis fondita de Demokrito. **22** Ŝirmita aŭ ne respondeca. **25** Inundo, dezerto, uragano — simple estas tiel. **26** Ŝajne suna person' interne de floro. **27** Interna diferenco inter stacidoma alirejo kaj pipra insulo. **28** Pro ĝi sekvas dolor' al kor'. **30** Opero sen agado. **32** Kolego de Li Baj. **34** Centra parto de Panteono. **36** Tia person' estis la patro de Maria–Sibylla rilate gravuradon. **37** Utiligo en Greka botelo. **39** Bonvolu agi tiel piednote. **41** Lange sentebla afer'. **42** Mara serpent'. **43** Eble mastro aŭ ĉefo. **45** Ĉiela person' aŭ mallonga princino. **46** Malgranda litero kun stranga nomo en PIV. **48** Degojto en patrina voko. **49** Mallonge: 6°E, 49°N.

**Vertikale:** **1** Inter Nanga Parbat kaj K2. **2** Filo de Odino en valora metalo, li parolas kaj parolas. **3** El tia ej' venis s-ro Hajdo. **4** Japana vestaĵ' en Germana konstru-vendejo. **5** Seka fratino de malseka prujno. **6** En Germanio virina okup' sed multe pli supre. **7** Ne estas person', tiu breto. **8** Vere praa, tiu besto. **9** Ĝi faras el Sudamerikaj montoj marĝenajn aferojn. **10** En urbaj stratoj aŭtoj 25-horizontale. **11** Ampeloprazon oni ne nur povas rigardi sed tion. **12** "Vidu" diras la Anglo, rigardanta al la plafono. **15** Ĉu vere tia, sed komuna al



Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## OKTOBRO

**6 Kunveno de la Landa Ligo**

**7–9 GEFA-jarkunveno en Lübeck**

**13** *Pia Haasis:* **5000 jaroj da inventoj kaj malkovroj en Ĉinio**

**20 Klubaj Aferoj**

**21–23 HaBaKuk**
(junulara renkontiĝo)

**27** *Peggy Ley:*
**Unua Helpo** (1)
Kurso por refreŝigi la sciojn kaj lerni la aktualajn metodojn.

## NOVEMBRO

**3 Klubaj Aferoj**

**5** *Studrondo*
- 17.00 estrarkunsido -

**10** *E. & W. Bormann:*
**Internaciaj aranĝoj**

**17** *Jürgen Wulff:*
**Historio el Mumin-valo**

**19** *Studrondo*

**24** *Peggy Ley:*
**Unua Helpo** (2)
Daŭrigo de la Oktobra kurso pri helpo kaj preventado.

Saŝa, Charlie kaj Fritz. **21** Por esti maŝino mankas io, sed ĝi indikas direkton. **23** Hobi' de Angela Lansbury. **24** Konvertiĝinta, nova planto. **29** Formanta objekt' masonita en tero. **31** Malpli ol nenion oni trovas en solvaĵ'. **33** Mi estas estinta en Romo. **35** Inter antaŭe kaj poste. **38** Krabra kant'. **39** Ujo kun centra signif' en Arkitekturo. **40** Kontraŭe al la ekiro, tia. **41** Ekscitil' kun ĉevalharoj. **44** Tio estas komenco kaj fino de ĉiuj samideanoj. **45** Tiele ne parolis Zaratuŝtro. **47** Ties kvadrato oble Pi estas cirkla areo.

**Solvo de nia Terura Enigmo 4/94**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| K | S | E | N | O | F | O | B | I | O |
| O | R | K | I | D | E | K | O | V | R |
| M | I | S | K | O | M | P | R | E | N |
| U | N | C | O | R | U | B | I | D | I |
| N | I | E | L | O | R | I | L | A | T |
| I | S | L | A | N | D | K | A | J | O |
| K | L | E | O | N | E | T | R | A | L |
| A | I | N | Ĝ | A | N | G | A | L | O |
| D | O | C | E | N | T | E | L | I | G |
| O | N | O | M | A | T | O | P | E | O |

# Ĉeĥa poeto en Hamburg

**Hamburg (ehh). *Jiři Karen*, Ĉeĥa poeto legis, akompanata de sia edzino, dum Ĵaŭda vespero, la 25an de Aŭgusto 1994, en la Esperanto-Domo el propraj verkoj en Germana kaj Esperanta lingvoj.**

Ne tute plena, sed bone vizitata estis la Esperanto-Domo, kiam okazis tiu eksterordinara evento. S-ro *Karen* legis parton post parto de la teksto *"Antaŭ la naŭa ondo"* en Esperanto, post kiam lia edzino estis leginta la samon en la Germana. Temo de la balado estas la vivo de Beethoven. Speciale interesa estis la fakto, ke la Esperantan tradukon faris *Ŝulco Rikardo* laŭ la Germana eldono. Kelkaj ĉeestantoj esprimis la impreson, ke la Esperanta teksto eĉ pli bone sentebligis la etoson ol la Germana, malgraŭ la Esperantigo de ĉiuj nomoj. Tamen, ankaŭ la Germana teksto sonis tre interese, ĉar s-ino *Karen* parolas kun ĉarma Viena akcento.

Post la fino de la kluba vespero *Hella Lanka* reportis la gastojn al la domo de ilia amiko, la kanzonisto *Wolf Biermann*, de kie ŝi jam antaŭe alveturigis ilin.

Benno Klehr



**Ges-roj Karen antaŭ la domo de Wolf Biermann**

Foto: Lanka

**Zamenhoffesto 1994**
**Sabaton, la10an de Decembro**
**Komenco je la <u>19a horo</u>**



# 1-a HaBaKuk
# Unua *Hamburga Bakado de Kukoj*
# 21a ĝis 23a de Oktobro 1994

***Hamburga Esperanto-Junularo*** invitas al semajnfina seminario pri teorio kaj praktiko de kuko-bakado en la *Hamburga Esperanto-Domo* (adreso sur p.2).
Komenco Vendrede per ***termin-konatiĝa vespero.***
Sabate: **Komuna aĉetado kaj bakado.**
Dimanĉe: **Komuna ĝuado, adiaŭo.**

**Aliĝu ĉe:** Hamburga Esperanto-Junularo
p/a Jürgen Wulff,
Bornkamp 12,
22043 Hamburg,
Tel. 0 40 – 6 56 06 59



---

# 38a Internacia Seminario de GEJ
# 27a de Decembro — 3a de Januaro
# en *Tübingen* ĉe rivero *Neckar*

**Temo de la seminario: Rubo**
Kiel kutime okazos laborgrupoj, prelegoj kaj kunsidoj.
La Silvestra Balo estos la nemaltrafinda kulmino de la jaro.

La urbo Tübingen estas tre malnova kaj vidinda. Krom universitato ĝi disponas pri kastelo, gotika preĝejo kaj belaj malnovaj domoj tuj apud la romantika rivero.



**Informoj:**
Germana Esperanto–Junularo
Marc Steßgen
Hagedornstraße 6A, 51069 Köln

# Unesko, Radikala Movado kaj Esperanto-instruado

**Hamburg (rco). La lernejo "Altonaer Straße" (apud *Sternschanze*) volas partopreni en la projekto *Fundapax*, kiun iniciatis la *"Esperanto" Radikala Asocio* en Italio. La Hamburga lernejo estas unu el kelkcent en Eŭropo, kiuj estas asociitaj kun Unesko, kaj volas okazigi Esperanto-instruadon.**

Bedaŭrinde komence de la nova lerneja jaro estis tute malklare — kaj al la instruisto en "Altonaer Straße" kaj al ni de Hamburga Esperanto Societo — kiel okazu la instruado: Nek estis konataj la funkcio de la projekto *Fundapax*, nek kiu instruu al kiu, nek je kiu tempo aŭ per kiu libro. Estus malagrable kaj eĉ damaĝus al la renomo de Esperanto ĝenerale, se la afero ne marŝos pli bone, per ĝustatempa organizado de la Italaj iniciatantoj.

*Benno Klehr*

---

# Internacia Festivalo

**Sensenstein (hdp). Inter la 27a de Decembro 1994 kaj la 3a de Januaro 1995 okazos la *11a IF* por personoj 25–55 jaraĝaj personoj kaj junaj familioj en *Sensenstein* 15 km oriente de Kassel. Organizas ĝin Hans-Dieter Platz, konata kiel HoDoPo, spertulo de multaj jaroj.**

La klerigejo Sensenstein jam dum antaŭaj fojoj montriĝis taŭga ejo por tiaj aranĝoj. Ĉiu ĉambro disponas pri duŝo kaj necesejo kaj havas 2 ĝis 5 litojn. La ĉi-jara kadra temo estas ***Komputilo kaj Esperanto***.

---

## GERMANA ESPERANTA FERVOJISTA ASOCIO

**38a jarkunveno — 7a - 9a de Oktobro 1994 en Lübeck**

La kunven–kotizo por membroj de GEFA/IFEF estas *DM* 20,– por ne–membroj *DM* 23,– Tranoktado kostos inter *DM* 62,– (en dulita ĉambro) kaj *DM* 95,– (unulita). Pliaj informoj ĉe *Klaus Böhnke, Matthäistraße 7, 23554 Lübeck* aŭ en la Hamburga Esperanto–Domo.

